# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO VII, SOFIA — BULGARIO
JANUARO — MARTO 1964, № 1

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## NIA ESPERANTISTA DEVO

*La Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio, la Internacia Gazetara Servo de UEA, la Estrarano pri Informado de UEA s-ro Sven Zieglerc (adreso: Kystvej 10, Aabenraa, Danlando) ofte sin turnas al la Landaj Asocioj, Landaj Informaj Fakoj, kunlaborantoj de Informa Fako de UEA, al la membroj de TEĴA insiste petante ilin sendadi al la fakoj de UEA diversajn por — kaj priesperantajn informajn. Tiuj informoj estas ege necesaj al la Estraro de UEA por ĝia laŭplana laboro, por informado de la tutmonda esperantista kaj nesperantista gazetaro, la tutmonda esperentistaro, por informado de diversaj internaciaj kaj landaj organizoj kaj institucioj ktp. Speciale al la esperantista ĵurnalistaro sin surnis ankaŭ la Ĝenerala Sekretario de UEA s-ro D-ro Ivo Lapenna.*

*La Estrarano pri informado Ziegler en cirkulera letero de la 6-a de februaro 1964, sendita al la Landaj Asocioj, Landaj Informaj Fakoj, kunlaborantoj de I. F. de UEA, kaj ankaŭ al la membroj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, skribis la jenon sub la rubriko „Internacia Gazetara Servo“:*

> *„Vi certe rimarkis, ke plurfoje la I. F. de UEA forte alvokis al la landaj I. F. oj nepre prizorgi la konstantan alfluon de esperantaj novaĵoj al la i. F. de UEA, por ke la Internacia Gazetara Servo povu utiligi ilin tre rapide en sia laboro rilate la landajn I. F. ojn kaj la eksteran mondon. Ĉar bedaŭrinde montriĝis, ke tiu informado estas tute neatentata en la landaj asocioj, estas necese tre ofte ĉerpi uzeblajn novaĵojn el la esperantista gazetaro. Por ŝanĝi tiun nekontentigan situacion kaj atingi tiun aktualecon, kiun deziras ankaŭ la Komitato en Sofio, kaj kiun profitus en alta grado la laboro de la landaj I. F. oj, necesas, ke komisiitoj pri informado al I F. de UEA kiel al la Revuo Esperanto kaj la landa organo estu nomitaj en ĉiuj asocioj.“*

*Jen estas grava tasko por ĉiu membro de TEĴA. Esti informantoj — ja tio estas destino, profesia devo de ĉiu ĵurnalisto. La Estraro de TEĴA dum niaj jarkunvenoj kaj per sia ordano „Internacia Ĵurnalisto“ kelkfoje jam emfazis pri tio nia devo. Kompreneble, kiu esperantisto povus esti plej konvena, plej bona informanto ol la ĵurnalisto?*

*Do, esperantista kaj ĵurnalista devo de ĉiu membro de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio estas fariĝi fakdelegitoj de UEA pri ĵurnalismo, fariĝi tuj komisiitoj de la landaj Esp. asocioj kaj societoj, informantoj de la Informa Fako de UEA, de Esperanto de UEA, de la landaj kaj eksterlandaj esp. organoj. La informado estas nia ĵurnalista destino, profesia devo, kaj ni devas ĝin plenumi inde, respondece.*

**Ivan Esperov**

JOSEF MISTRIK, kandidato de sciencoj,promocilta pedagogo

# JURNALISTO KAJ STENOGRAFIO

La gazetaro devas eduki, konvinki kaj rapide, vere kaj trafe informi. Ĝi mem devas altiri kaj varbi legantojn. Tial la laboro de la redaktoro ne estas facila. Neniam en la pasinteco ekzistis tiom da okazoj por klerigi sin kaj legi, kiom estas nuntempe en nia lando. Krom tagaj gazetoj aperadas dekoj da semajnaj kaj monataj gazetoj, centoj da plej diversaj uzinaj, lernejaj kaj lokaj gazetoj, bultenoj kaj fakaj periodaj publikaĵoj. La redaktoroj laboras en publikigejoj, eldonejoj, en radio kaj en televido. La plej proksimaj kunlaborantoj de la ĵurnalisto estas paperbloko kaj krajono. Kiel prete li kapablas manipuli ilin, tiel riĉan provizon da materialo kaj „duonfabrikaĵojn" li povas havigi per sia laborado. Ne povas esti bona ĵurnalisto tiu, kiu ne regas laborprete la krajonon, kiu ne scipovas senprokraste noti. Ne povas esti bona kaj rapide laboranta ĵurnalisto tiu, kiu ne scias la stenografion. Ĵurnalisto skribanta ordinaran longskribon memorigas nin pri kamparisto, draŝanta per draŝiloj, pri studento, skribanta per hieroglifoj aŭ pri korespondistino, skribanta la leterojn per plumo.

Magnetofono, kiel jam montriĝis, en iuj malmultaj okazoj anstataŭas la stenografon, sed al ĵurnalisto ĝi ne helpas tro multe. Dum vojaĝado ĝi estas maloportuna. Ĝi registras sonojn, sed ĝi kaptas ankaŭ ĉiujn senutilajn broujn. Oni ne povas ĝin uzi sub libera ĉielo, eksterdome k. s. Kaj tial magnetofono ne anstataŭas la stenografion ĉe ĵurnalisto.

Kiel kaj kiam la ĵurnalisto bezonas la stenografion? Kiam la redakcio ricevas pli longan informon per telefono, la ĵurnalisto ĝin stenografie postskribas, kio certe ŝparas homan forton, tempon eĉ monon kaj la informo pretas ĝustatempe por esti prilaborita. Kiam la ĵurnalisto vojaĝas, ankaŭ li notas stenografie la telefonajn informojn kaj laborinstrukciojn, ricevatajn el la redakcio.

La ĵurnalisto ofte venas al eminentaj ŝtatistoj, publikaj oficistoj aŭ al maloftaj gastoj, kiuj estas pretaj doni al li intervjuon, sed — kiel plej ofte okazas — ĉiam ĉe tia okazo estas problemo pri malmulte da tempo. Malfeliĉa estas tiu ĵurnalisto, kiu ĉe tiaj okazoj devas postskribi per la ordinara skribo. Ĉiu unuopa vorto estas valora ĉe tiaj okazoj.

Ĉe festaj okazoj estas jen-tie notendaj certaj observoj, kiuj al legantoj fidele ilustros la fluon de la aferoj. Kiam ankaŭ estas postskribendaj buŝaj deklaroj, estas eble fari tiaspecajn notojn nur ŝtele, ordinare dum valoraj minutoj aŭ sekundoj. La malrapida ordinara longskribo estas do grava malhelpo kaj ne nur prokrastigas la laboron de la ĵurnalisto, sed ofte malemigas lin for de la bona intenco.

La legataj aŭ prelegataj vortoj estas postskribendaj laŭvorte, eĉ se iam oni aperigas poste nur partojn da ili. La ĵurnalisto mem donas al la teksto la taŭgan titolon kaj el certaj li mem devas skribi la enhavon. Se li ne scius stenografi, li devas serĉi la parolintojn aŭ la organizintojn, por pruntepreni al si de ili la tekston. Laŭvere, tian tekston li ne povas kunpreni en la redakcion, por povi relegi iujn partojn de ĝi. Kaj fine ankaŭ ne estas ĉiam tute certe, ke li akiros la tekston. Du tiaj okazoj li ne povas malhavi la bonan scion de la stenografio.

Ne estas maloftaj la kazoj, ke ĵurnalisto, kiu devas referi pri kelkaj okazintaĵoj, postskribas jen kaj tie nur parton de la programo. Verkante informon pri la iluo de la afero aŭ postskribante la paroladojn, li devas intertempe noti pli gravajn faktojn el la jam pasinta parto, ĉe kiu li ne estis. La stenografio speciale helpas al li, kiam li, kiam li devas sendi informon senprokraste. Estas konate, ke plej granda malamiko de la ĵurnalisto estas la tempo, kiu senĉese lin pelas. Kaj la stenografio estas valora armilo kontraŭ ĝi.

Jen-tie venadas en la manojn de la ĵurnalisto grafikaĵoj, skizoj, informaj bildoj kaj fotoj, sur kiuj li dum la eventuala prelego devas skribi notojn. Kaj jen ne pro la tempo, sed por utiligi la spacon li devas labori per la stenografio. Certe ke oni povas sur la sama spaco skribi pli multe per stenografio — „mallonga skribo" — ol per normala longskribo.

Finfine, la ĵurnalisto pli preferas la stenografion ol la magnetofonon tial, ĉar jam dum la skribado li povas formi kaj adapti la tekston por la destinita celo. Skribante per longskribo, la skribanto estas plene okupata, sed stenografante restas al li pli multe da tempo por aranĝi la tekston.

La scio de la stenografio estas sendiskute senevita premiso por sukcesi en la ĵurnalista laboro. Sed la utiloj el la scio de la rapidskribo povas pli klare elstari nur tiam, kiam la laborulo perfekte scias la stenografion kaj legas ĝin senhezite. La fakaj tek-

(Daŭrigo sur p. 5)

## BELETRO KAJ POEZIO



**N. F. Danovskij, Moskva, USSR, membro de la estraro de TEĴA**

### OKULVITROJ

Suferis multaj en angor'
Iradon kun junula gvido,
En leg' la barojn kaj labor'
Pro necufiĉa vido.
Sed venis de l'Saĝul' eltrov',
Kaj vitro helpis al vidpov',
Aperis lafĝiĝontoj —
Aliogaj horizontoj.
Nur strabis al invent'
Miop, sen fida sent',
Sed kun reag' insulta:
„La vitro estas stulta!
Ĉu decas, mi juĝu mem,
Ke estu ajo morta
Rival' kun arogem'
Al viva okul' forta?!
Saĝulo vidis, kion Miopul'
Ne povis sole per okul'.
Do eĉ, palpante al la lit',
Li grumblis pri l'artefarit':
„Eĉ pli da estimindo
En tute plena blindo,
Ol en ofenda
Senviva vitr' pretenda".

—

Por gajni de l'artefarito
Miop' ne korpa estas spito,
Miopo de l'spirito.

N. DANOVSKIJ

### TRANSFORMATORO

Laboris tre senorde
Disaj elektrejoj.
Pene nekonkorde
Helpis al homaj kreoj,
Ĉiu aparte, ĉiu kun sia
Propra nivelo tensia.
Sed la aferon fere
Faris firma inĝeniero.
Li donis vivon kun gloro
Al transformatoro.
Per ĝi, kvazaŭ per ŝtuparo,
ĉies tensioj

Supreniĝis al alta valoro.
Kaj unuiĝis elektrostacioj
Per transformatoro.
Formiĝis ringo
Agorda, kiel baleto,
Kun tre potenca svingo
De l'fabela atleto.
Do, iĝis en la mondo
Super obstaklaj densejoj
Granda familia rondo
De elektrejoj.
Tiel per agoj spritaj
Realiĝis aŭdacaj mitoj.
Tiel en konkordo
De grandaj kaj etaj
Elektrodomoj
Venis lumo kaj forto
Por prospero de l'homoj.

* * *

La samon bona volo
Faras ĉe l'popoloj.
Ligas koron al koro
Lingvo-transformatoro
La plej bel-ŝtofa,
De plej alta valoro —
Lingvo Zamenhofa,
Vera aŭroro.
Ĝi kunigas etajn
Popolojn kaj grandajn,
Ce montoj kvietaj
Kaj ŝtormaj marondoj.

N. DANOVSKIJ

—

*Nia estrarano Danovskij sendis tiujn ĉi versaĵojn speciale al „I. Î." Ni atendas kontribuaĵojn al „I. Î.", ankaŭ de aliaj memroj de TEĴA.*

# LA MAORIA RASO EN NOV-ZELANDO



*Maljuna Maoria virino de la gento Te Ati Awa en la provinco Taranaki en Nov-Zelando. Ŝia kapo estas ornamita per blankaj plumoj, simbolo, ke ŝi estas kredanto je Te Whiti, fama Maoria religia profeto de la 19a jarcento. Ŝia mentono estas ornamita per tatuo, nomita „moko", simbolo ke ŝi estas virino de iom alta rango.*



*Du junaj Maorioj knabinoj el la gento Ngati Kahuoganu en tradicia vesto ekster la kunvena halo de siaj prapatroj, nomita Kahunguna—Hawkes Bay provinco. Nuntempe oni portas tradician veston nur okaze de ceremoniaj aŭ kulturaj festoj. Kiel oni povas vidi de la montrata angulo, la kunvena halo estas riĉe ĉizita.*

La maorioj estas brunhaŭtaj polinezianoj. La plimulto el ili migris al Nov-Zelando ĉirkaŭ la jaro 1350 el aliaj pacifikaj insuloj. nomitaj Hawai-iki laŭ la legendoj. La maorioj estas nun proksimume 180,000 homoj, do sep procentoj de la tuta loĝantaro.

La vivo de tiu indiĝena popolo estas tre interesa. Nov-Zelando estas insulŝtato en la okcidenta parto de la Pacifiko. Ĝi apartenas al la Komuneco metropolita de Grand-Britanio. Areo: 268 000 kv. km. Loĝantaro: 2 415 000. Oficiala lingvo—la angla.



*Anoj de la Te Pataka Maoria Koncerta grupo de Wellington, ĉefurbo de Nov-Zelando, montras la tradician Maorian geston de saluto. Tio enhavas samtempan kunpremon de nazoj kaj manpremon. Oni ankoraŭ uzas ĉi tiun saluton speciale inter pli maljunaj Maorioj.*



*Grupo da Maoriaj viroj en tradicia vesto faras gestdancon (haka) en la Maoria kunvenhalo ĉe Ohinemutu, Rotorua. Haka estas ĝenerala termino por la gestdanco de la maorioj, sed ĝi uziĝas por militaj dancoj, kiel en la bildo*

La fotojn kaj la notojn pri la maorioj sendis speciale al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto" nia kolego F. Fleming, profesia ĵurnalisto, kunlaboranto de la Esperanto Fako ĉe la ŝtata turista kaj publika oficajo. Adreso: BOX 5042, Wellington, Nov-Zelando. La dezirantoj ricevi specialan artikolon kaj fotojn pri la vivo de maorioj sin turnu al la supra adreso.

---

Daŭrigo de p. 2)
stoj de la gazetaro estas plenplenaj de faktoj, nomoj kaj diversaj indikoj. Tiuj devas esti notitaj precize. De la ĵurnalisto-stenografo, estante rapida, devas esti ankaŭ tre preciza. Ankaŭ li devas esti inventema, nome tial, ĉar li devas postskribi tiajn esprimojn, kiajn li neniam antaŭe aŭdis kaj skribis. Por tiaj vortoj li devas pensoprete krei praktikajn mallongaĵojn kaj frazeogramojn.

Ankoraŭ mi ŝatus rememorigi pri afero, kiu ĝenerale ne apartenas al tiu temo, sed ĝi konestas ĉe laboro de ĵurnalisto-stenografo. Estas vero, ke la ĵurnalisto devas esti ĉie: ĉion aŭdi. Efektive, li devas ĉiam konduki takte, por ne esti tro ĝena. La stenografo devas ofte pruntepreni la skriban materialon, ne malofte kuraĝi por peti pri indikoj, informoj, dokumentoj k. s. Necesas scii, ke ĝentila homo havas ĉie aliron kaj ĉion oni povas akiri ĝentilmaniere.

La konkludo: ĵurnalisto-nestenografo estas kiel lama futbalisto — lia laborkapablo estas videble pli malgranda ol tiu de la ĵurnalisto, kiu estas armita per la kapablo postskribi fidinde, rapide kaj senerare kaj poste el la stenografaĵo ankaŭ ĉion tralegi. Al redakcio ĉiam rentumiĝos la tempo kaj la peno, kiujn li dediĉis al la stenografio. Kaj por ke oni ellernu la stenografion, ne estas necesa speciala talento. Plue, neniam estas malfrue por komenci.

El „Slovenský stenograf".

**Adolf Stănura**, Ostrava, Ĉeĥoslovakio

## MALLONGAJ INFORMOJ

„La Suda Stelo" — organo de la jugoslavaj esperantistoj, reaperis komence de la jaro 1964 anstataŭ „La Jugoslavia Esperantisto". La unua n-ro estas interesa kaj ilustrita.

„Bozena Nemcova" — malgranda monografio pri la famekonata ĉeĥoslovakino, aperis en Prago. Administracio: Esperantista rondo de Zavodni klub ROH zavodu V. I. Lenina. Plzan, Kopeckehe sady 13, Ĉeĥoslovakio.

## LA KOMPLETIGITA ESTRARO DE T. E. J. A.

*Kiel ni sciigis la legantaron (3-a n-ro de „I. J." (1963), en la jarkunveno de nia Asocio dum la 48-a Universala Kongreso de Esperanto en Sofia, post iometaj sanĝoj de la statuto, oni kompletigis ankaŭ la Centran Estraron de TEJA.*

*Jen ĝia konsisto:*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Vucprezidanto kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — Ivan Keremidĉiev —Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Sekretario-Kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Citadella (Paduva), Italio,*

*Membroj: Karen Salmose (Stokholm, Svedlando), Zlata Flego (Zagreb, Jugoslavio), N. F. Danovskij (Moskva, Sovet-Unio), J. Uspienskij (Varsovio, Pallando), G. N. Jepsen (Silkeborg, Danlando).*

## KOMITATANOJ DE T. E. J. A.

*Ĉinio — Shi Si-wei, Jurnalista Fako Pekina Universitato, Pekin.*

*Rumanio — Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukureŝto.*

*Vjetnamio, Dau-Anh Kha, No Quoctenou Bv Viet-nam, Hanoi (via USSR).*

*Izraelio — Oskar Berman, 6, Kikor Malchaj Israel, Tel-Aviv.*

*Hindio — Proj. R. B. Joshi, Alleshi Plots, red. „Suderia Bulteno", Akola (Vidarzha).*

*Ceĥoslovakio — A. V. Zednik, Modrany 1482, Praha.*

## REPREZENTANTOJ DE T. E. J. A.

*Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805 Botafogo, Rio de Janeiro.*

*Japanio — Kyosuke Yukimura, 851, Shinobe Befu, Kakogawa.*

*Hungario — Pal Balknyi, Budapest II, (Pesthidegkut), Haraszt u 33.*

*Francio — Lucien Jiloteaux, 19 Rue de Colmero, Croix (Nord).*

*Germanio — Maria Vogel, Kniebesstrasse 31, Stuttgard.*

## NOVA REVUO EN ESPERANTO — NOVA SUKCESO DE LA BULGARAJ ĴURNALISTOJ

*La ĵurnalistoj-esperantistoj en Bulgario okiris novan sukceson. Ekde januaro 1964 en Sofio komencis aperi dumonata, 32-paĝa kvarkolora revuo „RIPOZOJ" eldonata ankaŭ en Esperanto. La revuo estas presata sur luksa papero en formato 22×33 cm. Ĝia enhavo ampleksas distran kaj belartan legaĵon, artikolojn pri turismaj objektoj kaj somerrestadejoj, pri sportaj eventoj, historiaj kaj kulturaj monumentoj ktp. Ĝi regule anoncos pri vizitoj de eksterlandaj esperantistoj en Bulgario kaj pri reciprokaj vizitoj inter bulgaraj kaj alilandaj esperantistoj. Jara abono: 1,50 usonaj dolaroj, sendataj al UEA en Roterdam (Nieuwe Binnenweg 176, Roterdam—2), aŭ al la redakcio „Ripozoj", Bulgario, Tolbuhin 51, Sofio.*

## NOVAJ MEMROJ DE TEJA

W. F. Pilger, Vermerstraat 7, ZAANDAM, Nederlando.

Yoshimi Umeda, ĉe Oomoto, Kameoka, KIOTO HU, Japanio.

Konecny Anton, Angerg 10, WIEN 17, Aŭstrio.

Vaubreuse G., Ma Campagne, VERVIERS, Belgio.

D-ro Imre Ferenczi, Postfako 143, GYOK 2, Hungario.

Hjalmon Underson, Ekgatan 55, MALMO SO, Svedio.

Leonhors Schmid. Ziggulnstr. 11, KLAGENFURT, Karintio, Aŭstrio.

N. Y. Post. Mark Star, New York, USA.

Julia Ziegenhirte, Czogistow 50/7, GDYNIA, Pollando.

Gaspare Bracchi, Via Caimi 54, SONDRIO 4. Italio.

Elizabet Kis (Ienovarine), Varosmajor u, 21, Budapesi XII, Hungario.

Pal Balkany, Haraszt, u, 33, Budapest II, Hungario.

Jordanka Anaĉkova Radio—Plovdiv, PLOVDIV, Bulgario.

Panas Petroviĉ Vasilĉenko, Bogomolca 5, kv. 20. KIEV 24, USSR.

---

***Membrej de TEĴA, tuj pagu vian membrokotizon al la estraranoj, komitatanoj, aŭ al la raprezentantoj de TEĴA, plej proksimaj al via lando!***

# TURISTOJ KAJ GASTOJ DE ĈIRPAN!

Ĝardenrestoracio „Republika" de G.P.K. „Narkoop" en urbo Ĉirpan ĉiutempe proponas famekonatajn vinojn el Ĉirpan, servas ankaŭ kolbasojn kaj riĉan sortimenton de kuiraĵoj kaj trinkaĵoj en agrabla atmosfero kaj ĝentila priservado. La restoracio situas en la centro de la urba ĝardeno, survoje de Sofia al Burgas.

„Narkoop" — Ĉirpan proponas al la bulgaraj kaj fremdlandaj gastoj, turistoj kaj vojaĝantoj bongustajn kradrostaĵojn kaj trinkaĵojn en la famekonata restoracio „Alen Mak", kiu troviĝas en la centro de Ĉirpan proksime de la ferfojo Sofia—Burgas.



Per sia komerca reto „Narkoop" disponigas riĉan sortimenton de varoj — ŝuoj, konfekcioj, lana, kotona kaj silka teksaĵoj, variaj ornamaĵoj kaj juveloj.

Geesperantistoj el la tita mondo, gastoj de nia lando, trapasante nian malgrandan, sed koketan kaj gastaman urbon, vizitu niajn magazenojn, restoraciojn, kiuj kontentigos vian guston, kaj reveninte hejmen vi kunportos neforgeseblajn memoraĵojn pri nia urbo Ĉirpan.

Saluton al ĉiuj esperantistoj — pacbatalantoj el la tuta mondo!

# ATENTON, TURISTOJ KAJ GASTOJ DE URBO RUSE!



G. T. P. „Zdrava Hrana“ en la bela — ĉedanuba urbo Ruse rekomendas al vi viziti la unuagradajn restoraciojn „Sevastopol“, „Bolgar“, „Buzluĝa“, „Dunav most“, „Stara kruŝa“, la somerajn ĝardenrestoraciojn „Dunav Most“ kaj „Keja“, la medernajn lunĉejojn „Bordo“ kaj „Moskva“ — kie en agrabla atmosfero oni proponas riĉan sortimenton de kradrostaĵoj, kuiraĵoj kaj malvarmaj trinkaĵoj.

La somera ĝardenrestoracio „Lipnik“ de G. T. P. „Zdrava Hrana“ — Ruse distancas je 11 kilometroj for de la urbo, ligita per asfaltita ŝoseo situanta en belega tiliarbaro, alloga naturo kaj freŝa aero. Tie oni ĉiam trovos agrablan, hejman atmosferon, unuagradan orkestron, ĝentilan priservadon. Vi pasigos ĝoje kaj kontente; Oni disponigos al vi varman rostaĵon, fiŝon kaj abundan sortimenton de diversspecaj manĝaĵoj kaj malvarmaj trinkaĵoj.

Vizitu la faman en la tuta mondo ĝardenon „Lipnik“, por konservi neforgeseblan memoron pri la urbo Ruse.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*